# INTERNACIA FERVOJISTO




**ORGANO DE I.F.E.F.**

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**

35a jaro novembro-decembro 1983 N-ro 6



IFEF-prezidanto Joachim Giessner kaj
Ministro de Transporto en Bulgario Vasil Canov

## REDAKTORA BABILO

Per ĉi-tiu numero finiĝas la 35a eldonjaro de nia postmilita organo.

Komenciĝos baldaŭ nova jaro, jubilea jaro se ni parolas pri organizita esperanto-movado de fervojistoj. Kaj ĝuste en tiu jaro Bulgario logas nin kongresi ĉe Suna Bordo.

Legu pri tio sur la postaj paĝoj, kie ankaŭ legiĝas noticoj pri fervojaj kaj fervojistaj aferoj.

Bedaŭrinde nekrologoj estas ĉiama rubriko, sed post funebra paŭzeto ni des pli energie streĉu por daŭrigi la laboron de la falintoj.

Alproksimiĝas la decembraj festotagoj, kaj la estraro deziras danki al ĉiuj, kun kiuj ni dum la pasintaj monatoj havis kontaktojn, danki pro harmonia kaj inspira interkomunikado.

Ke la estonto alportu al ĉiuj membroj, amikoj, kunlaborantoj, familianoj ĝojon, prosperon kaj feliĉon deziras la estraro de IFEF.

Red

## LA ESTRARO DE IFEF

kunvenis en Lüneburg (D) komence de oktobro lige al la GEFA-jarkunveno.

Kvankam ne estas por la momento sensaciaj pritraktendaĵoj, la disponebla tempo rapide pasis, dum ni klopodis plejeble koncize trakti la temojn.

Prezidanto Giessner raportis pri siaj vizitoj en Bulgario (Slanĉev Brjag - okaze de la venonta IFEF-kongreso), en Hungario (Budapeŝto - okaze de la fervojista tago dum UK) kaj en Ĉeĥoslovakio. Ĉie oni kun respekto kaj aprobo agnoskas la laboron de IFEF, kio kompreneble postulas de ni ĉiuj pliajn streĉojn.

La internaciaj preparoj por la 100jariĝo de la Internacia Lingvo prosperas, kvankam eble iom lante. IFEF partoprenas per siaj prezidanto kaj sekretario en la preparaj organoj.

La rilatoj inter IFEF kaj FISAIC ŝajnas daŭre pliboniĝi, sed ni devas atente flegi la kontaktojn kaj je ĉiuj niveloj agi pozitive kaj aktive (vidu cetere IF 5/1983 pĝ 66).

La sukceso pri "Aktualaĵoj de via lando" en la 35a Kongreso plifortigos la pensojn pri eldono de "Fakaj Kajeroj", en kiu ni publikigu fakajn prelegojn kaj artikolojn. La estraro plue prilaboros la terenon. Vidu ankaŭ la artikoleton "Kelkaj pensoj" en IF 4/1983 pĝ 50.

Kaj ĉu ni rajtas flustre mencii, ke ni planas duan Literaturan Konkurson por la IFEF-Kongreso 1985.

o

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

Sekretariejo: Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst
Redaktoro: E Henning Olsen, Åderupvej 182, DK-4700 Næstved
Poŝtĉekkonto: 1 25 80 36, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK-9700 Brønderslev
Dana bankkonto: 7353-350550, Provinsbanken, DK-9800 Hjørring (pagante per bankkonto aldonu 25 dkr por bankelspezoj)
Svisa bankkonto: 471-02, Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn
Svisa poŝtĉekkonto: CH 85-4110 Frauenfeld, IFEF, Banegårdspladsen 14, DK 9700-Brønderslev




# PLIAJ INFORMOJ PRI LA 36A IFEF-KONGRESO EN SLANĈEV BRJAG (SUNA BORDO) - BULGARIO

Adreso de LKK: 36a IFEF-kongreso
Hr.Botev 97,
BG-1303 Sofio.
Tel: 32-09-84 kaj
31-55-68

Plej multaj el la informoj, kiujn ni donis en IF n-ro 5/1983 sur paĝoj 67 + 68, ankoraŭ validas. Tamen atente legu la ĉi-subajn informojn, en kiuj ni provas atentigi pri kelkaj ŝanĝoj.

Aliĝilo
Nova eldono de aliĝilo estas survoje. Ĝi diferencas de la provizora aliĝilo, kiun oni disdonis en Ostendo, do bonvolu ne uzi la provizoran, sed nur la novan aliĝilon. Samtempe LKK petas vin tre atente trastudi la tutan enhavon de la Unua Informa Bulteno de LKK de septembro 1983, por eviti eventualajn malagrablajn miskomprenojn. Se la redakcio bone komprenis la ricevitajn informojn, la aliĝilo estas parto de la menciita Unua Informa Bulteno.

Ege grava sciigo pri favoro
Kun granda kontento LKK sciigas, ke la alta Protektanto de la 36a IFEF-kongreso, ministro de transporto Vasil CANOV permesis, ke ĉiuj kongresanoj veturu senpage per la fervojo de P.R.Bulgario sur ties tuta teritorio, de la 7a ĝis la 23a de majo 1984, ambaŭ inkluditaj, prezentante specialan certigilon (karton por senpaga veturado), kiun LKK sendos al ĉiuj laŭregule aliĝintaj kongresanoj kaj legitimante sin antaŭ la fervojaj organoj per sia kongresa karto, sendota de LKK samtempe kun la speciala karto por senpaga veturado tra Bulgario. Landaj asocioj kaj unuopuloj rajtas vaste diskonigi tion.

Kongreskotizoj kaj kontoj, al kiuj pagi kongreskotizon restas la samaj kiel menciitaj en IF n-ro 5 sur paĝo 67, sed atentu, ke LKK povos trakti la aliĝilon nur post pago minimume de la kongreskotizo, dokumentite per originala kopio aŭ fotokopio de la pagodokumento, aŭ informo de la IFEF-kasisto al LKK. Ŝajnas, ke la aliĝilo kaj la pago devas atingi LKKn resp la koncernan bankon je la indikitaj tempolimoj, do estu frua.

Ĉambromendoj
Se vi utiligas la eblecon mendi ĉambrojn pere de LKK, vi devas pagi al bulgara banko en usonaj dolaroj aŭ en alia konvertebla valuto al jena adreso: CENTAR MEĴDUNARODNI KONGRESI I PROJAVI "Esperanto" N-ro 421-130-176 - 2, BÁLGARSKA BANKA, SOFIJSKI GRADSKI KLON.

La pago devas atingi tiun bankon plej malfrue la 25an de marto 1984, ĉar post tiu dato la prezoj altiĝos per 25%.

Plilongigo de restado
Ĉiu kongresano rajtas resti pli longe en Slanĉev Brjag laŭ la kongresaj kondiĉoj - 5 tagojn antaŭ kaj 5 tagojn post la kongreso (entute de la 7a ĝis la 23a de majo 1984) - aranĝonte la konton pri la kostoj surloke por la kromtagoj. Tiuj kongresanoj devas ĝustatempe informi LKKn per aparta letero, por esti respektive renkontitaj, faciligitaj kaj priservitaj. LKK tuj sciigos al ili, ke ilia letero estas ricevita kaj ke ĝi faros la necesan.

Dumkongresaj ekskursoj
Ŝajnas, ke eblos mendi kaj pagi la ekskursojn surloke en kongresejo.

Postkongresa ekskurso al Istanbulo
La antaŭe menciita tempolimo (31.12. 83) ne plu validas. Almenaŭ ĝis 28.2.

1984 oni povas mendi (kaj pagi al la supre menciita sofia banko) la postkongresan ekskurson. Sed nur unu prezon oni nun mencias, do temas pri tiu kun tri tranoktoj je prezo 120 us.dol.

La kromekskursoj "Istanbulo dum tago" kaj "Istanbulo dum nokto" estas mendeblaj kaj pageblaj ankaŭ surloke.

Valuto por dumkongresaj kaj postkongresaj kromekskursoj ankaŭ surloke estas usonaj dolaroj aŭ alia okcidenta mono.

- - -

Ĉio supra validas precipe por okcidenteŭropanoj kaj jugoslavoj. Kongresontoj el t n socialismaj landoj bonvolu rilati kun sia landa asocio, ĉar la kondiĉoj povas diferenci de lando al lando.

---

OFERTO de GEFA, kiu povus interesi al kongresontoj, ne nur el Germanio, sed ankaŭ el Francio, Benelukso kaj Nordio, eble el Svisio kaj Aŭstrio:

Flugkaravano - kuŝvagono al Bulgario

GEFA intencas organizi flugkaravanon je tre favoraj kondiĉoj de diversaj germanaj flughavenoj por la partoprenontoj de la 36a IFEF-kongreso en Suna Bordo (Slanĉev Brjag). La aviadiloj ekflugos ĵaŭdon la 10an de Majo rekte al Burgas kaj reflugos el Burgas ĉiun sekvontan ĵaŭdon. Do eblos elekti restaddaŭron de unu, du ktp semajnoj. La prezo inkludas la flugon kaj plenan pensionon en hotelĉambro kun duŝo kaj necesejo (egale ĉu dulita aŭ unulita ĉambro). Tiu prezo estas por ĉiu persono por unu semajno 620 germanaj markoj (GM), por du semajnoj 850 GM, por ĉiu plua semajno 230 GM. La hotelo situas tre proksime al la kongresejo kaj maro.

La indikitaj prezoj validas por flugo ekde München. Kiu deziras flugi ekde Frankfurt aŭ Düsseldorf pluspagos 30 GM, ekde Hannover aŭ Hamburg plus 50 GM.

Ni petas direkti mendojn por tiu flugo al la IFEF-sekretario, s-ro Otto Rösemann, Ringstrasse 14 D, D-3067 Lindhorst, ĝis plej malfrue 31.3.1984. Por postaj mendoj ni ne povos garantii loĝigon. La mendoj enhavu jenajn indikojn:
Familia- kaj antaŭnomo, kompleta adreso, numero de la pasporto, unu- aŭ dulita ĉambro, nomo de la flughaveno.

Le mendojn ni petas sendi kiel eble plej baldaŭ, por ke ni povu rezervigi la lokojn en aviadiloj kaj hotelo. Ni fintraktos la mendilojn post alveno de la mono en jena konto:

Otto Rösemann (Reisekonto),
D-3067 Lindhorst
Sparda-Bank Hannover, Konto 921 947
(Bankleitzahl 250 905 00).

Post la 20.4.84 ni sendos la necesajn informojn al la mendintoj. Se iu, kiu jam pagis, pro grava kaŭzo ne povos partopreni la vojaĝon, li ĝis 20.4. senformale ricevos la kompletan sumon. Pli poste ni devos redukti la repagotan sumon je parto, kiu kovros niajn proprajn kostojn.

Ĉiu karavanano ricevos en Suna Bordo por ĉiu tago kuponojn en valoro de 11.50 levoj = proks. 20 GM. Per ili oni povos pagi manĝaĵojn kaj trinkaĵojn en ĉiuj restoracioj de Suna Bordo.

Laŭ la nuntempe valida bulgara leĝo unuopuloj vojaĝantaj al Bulgario el plej multaj landoj devas prezenti vizon, kiun ili devas mem prizorgi antaŭe (kostoj por germanoj ekz. 31 GM plus poŝtelspezoj). Partoprenantoj en la flugkaravano ne bezonos antaŭan vizon, sed nur devos havi pasporton. La vizon ili senkoste ricevos ĉe alveno en Burgas.

Tiuj, kiuj elektos 2 semajnojn aŭ pli longe, havos okazon partopreni en la postkongresa ekskurso al Istanbul, kiun ofertas "Balkanturist" (ne LKK). Tiu ekskurso komenciĝos sabaton post la kongreso matene kaj finiĝos mardon vespere en Suna Bordo. Prezo 120 dolaroj, pagenda en okcidenta valuto surloke. Tio inkluzivos busveturadon, plenan pensionon kaj surlokan programon. Du apartaj lokaj ekskursoj "Is-



# IFEF-PREZIDANTO JOACHIM GIESSNER 70JARA

Kredu tion aŭ ne! La prezidanto de IFEF de post 1974 iĝos 70jara la 23an de decembro 1983.

Ĉiam juneca, verva, kun grandega laborkapablo, ĉion prizorganta, kompleza kaj ridetanta li elradias impreson de malplia aĝo. Sed la nudajn ciferojn ni devas kredi kaj agnoski.

Ni do alportas niajn sincerajn gratulojn pro la 70a naskiĝtago.

Menciado de ĉiuj faroj kaj rezultoj de Joachim Giessner estus preskaŭ senfina listigo.

Prezidado, organizado, redaktado, verkado, tradukado, korespondado, instruado, informado, prelegado - por tamen aludi kelkajn el liaj multaj aktivecoj.

Aldone al la prezidanteco de IFEF li prezidas GEFA, prezidis LKK de la 33a IFEF-kongreso en Regensburg, gvidas la Historio-Komisionon de IFEF kaj reprezentas IFEF en la preparoj por la Jubileo de Esperanto en 1987.

Reprezentante IFEF li ofte vizitas la landajn asociojn, ekzemple en Ĉeĥoslovakio kaj Pollando, por stimuli kaj helpi.

La alta kultura aktiveco en IFEF estas grandparte la frukto de liaj instigo kaj laboro. Tutan kantaron oni supozeble povas plenigi per la kantoj - de arioj al ŝlagoj - kiujn li tradukis.

Joachim Giessner dediĉis kaj dediĉas grandan parton de sia vivo al Esperanto kaj al IFEF. Li meritas honoron kaj dankon. Estu lia ekzemplo instiga por ni ĉiuj.

Ni deziras al li daŭran sanon, bonfarton kaj sukcesan aktivecon.

IFEF-estraro

---

→ tanbul dumtage" (12 dol) kaj "Istanbul dumnokte" (15 dol) aldone estos ofertataj. Ĉio pagende en Suna Bordo. Ne necesas antaŭmendo ĉe LKK. Mendoj ankoraŭ en Suna Bordo estos akceptataj de "Balkanturist". Tamen ni petas la partoprenontojn de la flugkaravano, mencii en sia mendilo, ĉu ili intencos partopreni ankaŭ la Istanbul-ekskurson.

La prezo por la hotelo estas tiom favora, ke ne multe gravas la fakto, ke oni ne ĉeestos (sed pagos) tri noktojn en Suna Bordo dum la Istanbul-ekskurso.

Por kongresanoj, kiuj deziras veturi per fervojo, ni proponas komunan vojaĝon per kuŝvagono en "Istanbul-Ekspreso", trajno 293, München ekv. ĵaŭdon 10.5.1984 je 17.34 h, alveno en Burgas sab. 12.5. je 5,22 h. Antaŭvideble necesos ŝanĝo de la kuŝvagono en Sofia. La prezo por kuŝloko ĝis Burgas estos 31 GM.

Por la revojaĝo ni antaŭvidas, se estos sufiĉe da interesuloj, jenan planon: Burgas forveturado sabaton 19.5. je 22.44 h, München alv. lundon je 12.18., denove per "Istanbul-Ekspreso". Sama prezo de 31 GM. Eblos ankaŭ resti pli longe (ekz. du aŭ tri semajnojn) en Suna Bordo kaj reveturi fervoje laŭ propra plano.

Ankaŭ por la kongresanoj, kiuj uzos la kuŝvagonon, ni pretas rezervigi hotelĉambron laŭ samaj kondiĉoj kiel por la flugkaravano. La prezo por ĉiu semajno estos 230 GM. Pro teknikaj kaŭzoj la mendoj por la komuna kuŝvagono kaj eventuala hotelĉambro devos atingi la adreson Rösemann ĝis 29a de Februaro, sed prefere pli frue. La pagenda sumo devos esti en la konto plej malfrue 20.4.84. Mendontoj de hotelĉambro ne bezonos antaŭprizorgi vizon kaj ankaŭ ricevos manĝkuponojn en Suna Bordo.

La mendoj enhavu jenajn indikojn: Familia- kaj antaŭnomo, kompleta adreso, numero de la pasporto, unu- aŭ dulita ĉambro (en hotelo), nombro de la dezirataj kuŝlokoj (en kuŝvagono), ĉu nur alveturado, ĉu ankaŭ reen.

La de LKK dissenditan aliĝilon por la kongreso kaj la kongreskotizon bv. trakti laŭ la direktivoj en la aliĝilo. Germanoj nepre priatentu la kromajn informojn en la germanaj "Bulteno"j n-roj 3/4/83 kaj 5/83 eble ankaŭ en 1/84.

GEFA

## ARĜENTA JUBILEO EN GOIÁS (BRAZILO)



Silente, kun nur malmultaj gastoj, sed multaj infanoj, fariĝis BONA ESPERO dudekkvinjara. Tiu fondaĵo de brazilaj esperantistoj en la federacia ŝtato Goiás aperis dum la lastaj jaroj pli ofte en nia gazetaro. Ĉu pro la translokiĝo de la ital-germanaj geedzoj Grattapaglia antaŭ kelkaj jaroj, la vizitoj - pli malpli longaj - de esperantistoj el la tuta mondo aŭ la unika estrarkunsido de UEA post la Brazila Kongreso; ofte oni legas kaj parolas pri BONA ESPERO. La farm-lernejo, 20 km for de la plej proksima loko Alto Paraizo, estas nun plena de infanoj el la regiono. 6- ĝis 13-jaruloj vizitas la lernejon posttagmeze. Dum la matenoj ili helpas al la plenkreskuloj. Kune oni faras ĉiujn necesajn laborojn en la domoj kaj ekstere. Tiel ricevas la geknaboj plej bonan bazon por memstare vivi post sia tempo en BONA ESPERO.

La financaj rimedoj de la BON-ESPERanoj estas kompreneble ege limigitaj. Uzitaj vestaĵoj estas taŭgaj pagiloj por rizo kaj fazeoloj, la ĉefnutraĵo dum ĉiutaga tagmanĝo. Legomoj kaj fruktoj kreskas en ĝardeno kaj ĉirkaŭo. Tiel ĉiuj satiĝas. Vivas pli ol 40 ĉevaloj preskaŭ sovaĝe sur la tereno de BE, el kiuj kelkaj lernis intertempe ne nur transporti homojn, sed eĉ tiri ĉaron.

Ĝis nun ne ekzistas kurento sur la lerneja bieno, kvankam la akvo de kelkaj riveroj kaj lago kun akvofalo sufiĉus por konstrui taŭgan hidroelektran centralon.

Por finance subteni tiajn investojn kuniĝis antaŭ 2 jaroj amikoj de BONA ESPERO en Münster (FRGermanio). Ili fondis societon "Bona Espero".

Multaj libervolaj subtenantoj kaj iom pli ol 50 membroj sukcesis dum tiu mallonga tempo ekipi la dormoĉambrojn per novaj litoj. Eblis aĉeti tabulojn por la lernejo, novigi la kuirejon kaj pagi komplete novan tegmenton por la infana domo.

Baza monata kotizo de 5. gm ebligis tion, sumo kiun kelkaj kompreneble konsiderinde plialtigis. Novaĵojn el BONA ESPERO ricevas membroj kaj subtenantoj de la societo pere de cirkulero, 3-4 fojojn jare. Specimenon kaj aliĝilon petu ĉe:

Margret Brandenburg,
Brinker Damm 24,
D-4404 Telgte.

## LA JUNULARA FONDUSO

La junulara fonduso starigita laŭ iniciato de niaj aŭstriaj kolegoj momente iomete ripozas. Mi atentigas, ke la estraro ĉiam volonte akceptas proponojn pri subteno de junulo ĝis 28 jaroj por partopreni aŭ IFEF-kongreson, skisemajnon aŭ eventuale aliajn Esperanto-aranĝojn.

La kasisto

## KONTRIBUOJ AL HISTORIO FONDUSO

Laŭ kongrespropono n-ro 3 decidita dum la kongreso en Ostendo ĉiu landa asocio pagu unufoje por ĉiu membro 1 germanan markon. Mi petas la landajn asociojn kiel eble plej baldaŭ ĝiri la sumojn al unu el la kontoj menciitaj sur la dua paĝo de Internacia Fervojisto.

La kasisto

## FERVOJAJ NOVAĴOJ EL ALBANIO

La artikolo en IF 5-6/1982 estis verkita aprilon 1982. Nur fine de 1982 konatiĝis, ke la linio inter Lezhe kaj Shkodra (35 km) estis inaŭgurita jam en novembro 1981. La konstrulaboro daŭris malpli ol 7 monatojn. Surlinie oni konstruis 3 staciojn por la pasaĝera trafiko kaj du por la vartrafiko. La albana fervoja reto nun konsistas el 366 km normalŝpuraj reloj.

Poste oni komencis konstrui novan linion ek de Shkodra en la direkto al la albana/jugoslava landlimo. La kontrakto inter la du ŝtatoj antaŭvidis, ke julion 1982 oni komencos labori ĉe la landlimo; la daŭro de la laboroj estis planita ĝis decembro 1983. La kunligo de la du retoj estas antaŭvidita januaron 1984.

La linio inter Fier kaj Vlöre (la pornafta haveno) oni komencis konstrui en majo 1982. Oni intencas finkonstrui ĝin en la jaro 1985.

La plej granda ĵurnalo en Albanio "Zëri i Popullit" (= Voĉo de la popolo) publikigis jenan horartabelon de la albana fervojo (Hës) por la pasaĝera trafiko:

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Tirana | ek | 5,40 | 6,55 | 10,20 | 15,10 | 18,30 | 21,35 |
| Durres | al | 6,42 | 7,56 | 11,18 | 16,15 | 19,31 | 22,42 |
| Elbasan | al | | 10,15 | | 19,05 | | |
| Pogradec | al | | 13,00 | | | | |
| Fier | | 9,20 | | 13,55 | | 22,00 | |
| Ballsh | | 10,05 | | | | | |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Tirana | ek | 8,05 | 15,55 |
| Shkodra | al | 11,18 | 19,08 |

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Pogradec | ek | | | | | | 13,40 |
| Elbasan | | | 4,30 | | | | 16,01 |
| Ballsh | | | | | 11,25 | | |
| Fier | | | | 5,20 | 12,06 | 14,40 | |
| Durres | | 5,30 | 6,45 | 8,00 | 14,35 | 17,05 | 18,20 |
| Tirana | al | 6,32 | 7,48 | 9,05 | 15,37 | 18,05 | 19,25 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Shkodra | ek | 11,40 | 19,25 |
| Tirana | al | 14,52 | 22,40 |




Por pli bone kompreni la situacion, rigardu la mapon: la indiko de la dato montras la jaron de la malfermo. Linioj kun - - - signifas, ke la linio estas en preparo.

Eminentuloj de la albanaj fervojoj sin informis antaŭ nelonge pri la formalaĵoj rilate al aniĝo al la Internacia Fervoja Transporta Komitato (CIT). La afergvidanta administracio (SBB) donis la necesajn informojn dum renkontiĝo kun albana delegacio en Bern (CH).

Dum la kunsido de la gvidanta komisiono de CIT en Sarajevo (YU) oktobron 1982 partoprenis tri albanaj kolegoj kiel observantoj. La prezidanto de la sesio parolis pri la espero, ke la Hës baldaŭ aliĝu al UIC kaj CIT.

Walter Ullmann (D)

## EL FERVOJISTA MONDO

### *Elektrizado de fervojlinioj en Nov-Zelando*

Laú decido de la nov-zelanda registaro oni faris studanalizon pri profitigo de elektrizado de fervojlinio inter Auckland kaj Wellington. Nuntempe oni daúrigas studlaborojn per detala studo de elektrizado de meza parto de la fervojlinio Te Rapa-Palmerston North, longa 410 kilometrojn. Oni elkalkulis, ke per enkonduko de elektra trakcio eblas ŝpari 29 milionojn da litroj de fluaj brulmaterialoj; tre favora por Nov-Zelando estas ebleco uzi multajn akvofontojn por akiri elektroenergion.

### *Elektra trakcio en Zimbabvo*

La ŝtataj fervojoj Zimbabvo (Afriko) planas elektrizi ĉiujn gravajn fervojliniojn en tri etapoj, plenumotaj dum 8 jaroj. Oni uzos unufazan alternkurentan sistemon 25 kV, 50 Hz. La unua etapo de elektrizado inkluzivos 330 km longan fervojlinion Dabuko-Harare kun kromaj 130 km da trakoj en fervoj- kaj ranĝstacioj.

### *DB-rapidfervojo (FRGermanio)*

Nuntempe oni daúrigas konstrulaborojn sur la suda parto de estonta rapidfervojo Hannover-Würzburg de DB. Oni laboras sur parto proksimume 50 km longa. La unuaj trajnoj funkcios tie ĉi inter fervojstacioj Fulda kaj Burgsinn post kelkaj jaroj. La tuta moderna ekspreslinio Hannover-Würzburg estos funkcikapabla komence de la naúdekaj jaroj. La suda parto de la nova fervojlinio, originale nomata mallonge NBS H/W estos 83 km longa. Kvardek procentojn de ĝia longo iros tra tuneloj, dek procentojn sur pontoj. Sume oni konstruos tie po 17 tunelojn kaj pontojn. Post ĉiuj sep km eblos transiri de unu trako al alia, antaúveturadon de trajnoj ebligos fervojstacioj Mottgers, Burgsinn kaj Rohrbaĥ.

### *Interkomunikadaj sistemoj por evolulandoj*

La modernaj sistemoj de la aútomataj fervojaj interkomunikadaj protektadinstalaĵoj - Aútomata Bloksignalado, relajsaj protektadinstalaĵoj de interspacaj vojsistemoj, teleregado kaj liniaj radiofoniaj instalaĵoj konsistigas gravan parton de la brita eksporto. Unu el la signifaj mendoj estis elkonstruo de protekta interkomunikadsistemo sur fervojlinio Teheran-Tebriz en Irano, longa 736 km. Rilate al lokaj kondiĉoj ne troviĝas sur la fervojlinio samnivelaj transveturejoj. Al Aútomobiltrafiko, veturiloj aú brutaroj eblas krucigi la fervojlinion kie ajn. Tio malebligas altigon de la liniorapideco, kvankam la propra instalaĵo estas konstruita por rapido ĝis 160 km/horo. Tiu ĉi linio estos ankaú elektrizata per sistemo 25 kV/50 Hz. Pluaj projektoj estis realigataj en Senegal, Liberio kaj Kostariko.

### *Ĉu tra tunelo al Saĥalin?*

Sovetunia insulo Saĥalin en Malproksima Oriento estas apartigita de la kontinento per Tatarmarkolo, kiu sur iuj geografiaj mapoj estas nomata ankaú Markolo Nevelskij. Tatarmarkolo apud promontoro Lazarev estas proksimume 8 km larĝa kaj 7 metrojn profunda. Dum la dua mondmilito oni tra tiuj lokoj konstruis naftodukton el Saĥalin al urbo Komsomolsk sur Amur. Nuntempe oni ĉi tie konstruas gasodukton, kunligonta la siberiajn fontojn de tergaso kun Saĥalin, de kie oni kondukos ĝin al Japanio. Marakvo, apartiganta Saĥalin de la kontinento malebligas rektan kunligon ankaú per trafiklinioj. Pro tio oni jam antaú tridek jaroj pripensis konstrui tie submaran fervojtunelon. Tiam oni pro diversaj malfacilaĵoj ankoraú devis prokrasti ĝian kon-

struadon. Nuntempe oni denove pritraktas la konstruadon de la tunelo kunlige kun daŭriganta kaj baldaŭ finiĝonta konstruo de la transsiberia magistralo Bajkal-Amur. Rekta fervoja kunligo de Saĥalin kun ceteraj partoj de Sovetunio signifoplene altigus ekonomian disvolvon de la insulo, kie oni krom nafto ekspluatas ankaŭ karbon, oron kaj aliajn krudmaterialojn.

*Reenkonduko de vaportrakcio en Finnlando*

Kiel tre antaŭzorgema oni nuntempe taksas decidon de la finnaj fervojoj, kiuj post ĉesigo de vaportrakcio lasis rezerve 250 vaporlokomotivojn en la plej bona teknika stato. Pripensoj pri ilia ebla reaktivigo depost komenco de la naftokrizo fariĝis ĉiam pli aktualaj. Ĉar la situacio en la monda naftomerkato estas taksata ĉiam nestabila, oni decidis post kontrolo en lokomotivriparejoj funkciigi en regula trafiko unuajn 170 vaporlokomotivojn. Dum elekto oni preferis lokomotivojn de tipoj Hr 1 (rapidtrajna 2´C, konstrujaroj 1939-1957, kun deĵorpreta pezo 93 tunojn, plej alta permesita rapido 110 km/h), Tk 3 (vartrajna 1 D el la jaroj 1928-1953, 51,8 t, 60 km/h), Tr 1 (vartrajna 1´D 1, konstrujaroj 1940-1957, 95 t), Vr 1 (ranĝlokomotivo el la jaroj 1913-1925, 44,8 t, 25 km/h). Por ni estas interese, ke ĉiuj elektitaj tipoj de vaporlokomotivoj estis konstruitaj por lignohejtado.

*La plej suda trajekto en la mondo*

Trajektoŝipoj transportas fervojvagonojn en multaj lokoj de la mondo. La plej suda trajektolinio kunligas Nordan kaj Sudan Insulojn de Nov-Zelando. Ĝi komenciĝas en Wellington, la ĉefurbo de Nov-Zelando kaj samtempe la plej suda loko de Norda Insulo kaj terminalo de 2610 km longa fervojlinio kaj direktiĝas al Picton sur Suda Insulo, kie komenciĝas 2187 km longa fervojlinio. Trafikas ĉi tie kvar kombinitaj trajektoŝipoj por transporti fervojvagonojn, aŭtomobilojn kaj pasaĝerojn; la trajektoŝipoj apartenas al novzelandaj fervojoj. La trafiko komenciĝis en la jaro 1962; nuntempe oni transveturigas tie jare proks 700.000 pasaĝerojn kaj 1.000.000 tunojn da varoj. La trajektoŝipoj estas 127 respektive 112 metrojn longaj kaj 18,59 m larĝaj, kun du ŝipŝraŭboj, ili havas tritrakan fervojan ferdekon, super ĝi estas speciala ferdeko por person- kaj varaŭtomobiloj. La ŝipnavigo daŭras 3 horojn kaj 20 minutojn kun rapido 17 nodoj.

Ĉiu trajektoŝipo kutimas navigi dufoje tage inter Wellington kaj Picton tien kaj reen, la suma trafikkapablo povas do atingi 230 fervojvagonojn, 440 aŭtomobilojn kaj 4880 pasaĝerojn. Pasaĝervagonojn oni ne kutimas transveturigi, pasaĝeroj do devas antaŭ navigo forlasi personvagonojn kaj enŝipiĝi.

Kompilis J. Tomíŝek

*Bulgario*

*Nova kablofervojo en Vitoŝa-monto*

La 3an de aprilo 1983, la Tagon de la bulgara ĉefurbo Sofio, la naturamikoj ricevis valoran akiraĵon: komencis funkcii kablofervojo en Vitoŝa-monto.

Jam la unuan tagon miloj da sofianoj kaj gastoj el la lando kaj eksterlando konvinkiĝis pri la granda komforto kaj oportuneco proponataj de la nova moderna konstruaĵo.

La linio estas longa 6274 m kun diferenco en la alteco inter la komenciĝa kaj fina stacioj je 1085 m. Pere de siaj 250 seslokaj budoj la kablofervojo donas la eblecon al po 1500 turistoj hore atingi la regionon de montodomo "Aleko" - unu el la plej vizitataj partoj de Vitoŝa-monto - en 27 minutoj.

La nova kablofervojo estas konstruita laŭ projekto de aŭstria firmao en nur 6 monatoj, ĉe tre komplikaj, malfacilaj atmosferaj kaj terenaj kondiĉoj. Vere labora heroaĵo!

Granda estas la ĝojo de la naturamikoj! Somere kaj vintre la veturado ĝis la monto donas plezuron. Pli rapide kaj pli komforte la turistoj, i a skiistoj povos atingi la ĉarmajn partojn de Vitoŝa.

Per siaj tekniko-ekspluataj kvalitoj la nova kablofervojo okupas unu el la ĉefaj lokoj inter la plej modernaj kablofervojoj en Eŭropo.

Lilija Koleva

*Popola Transporta Universitato*

En la jaro 1961 en Sofio, ĉe la Centra Sindikata Transporta Domo de la Kulturo, estis inaŭgurita Popola Universitato.

Ĉefa celo estis la sistema plialtigo de la kvalifikado de la transportaj specialistoj.

Hodiaŭ la Popola Transporta Universitato havas 5 fakultatojn kaj solvas sukcese la problemon por instruo de la meza gvidanta specialistaro. Ĉiujare en la universitato lernas 250 personoj: staciestroj, inĝenieroj por la ekspluatado de la fervojo, ĉefoj de fervojvagonejoj kaj lokomotivaj deponejoj, fervojaj sekciestroj, multaj inĝenieroj-teknologoj kaj specialistoj en diversaj fakoj de la fervojo.

En la instruplano estas metitaj temoj ligitaj kun la novaĵoj en la fervoja transporto kaj la lastaj rezultoj de la esploroj en niaj sciencaj institutoj. Oni projekcias filmojn kun fervoja temaro. Tre utilaj estas la praktikaj lecionoj: vizitoj al diversaj transportaj objektoj, jam konstruitaj aŭ en la procedo de konstruado.

La Popola Universitato kreas intereson en siaj aŭskultantoj, plialtigas ilian sperton kaj helpas ilian preparadon por akurata, senriproĉa realiĝo en la respondeca fervojista profesio.

Lilija Koleva

*Projekto pri TGV-trajnoj inter Pariso, Bruselo kaj Kolonjo*

Dum kunveno en Parizo la 18an de julio la franca, belga kaj germana trafikministroj decidis estigi studgrupon, kiu marte 1984 liveru raporton pri nova TGV-linio inter Parizo, Bruselo kaj Kolonjo. (TGV estas la franca esprimo por la novaj tre rapidaj trajnoj i a inter Parizo kaj Liono trajnoj de granda rapideco).

Se oni decidos uzi TGV-trajnojn, necesos konstrui 536 km da novaj trakoj, kaj tio kostos 15 miliardojn da francaj frankoj.

La germanoj jam havas rapidtrajnojn sur ordinaraj reloj (200 km/h), kaj tial estas nefacile decidi, ĉu uzi TGV-trajnojn aŭ la germanan teknikon.

(Laŭ artikolo en "Le Monde" tradukis LEN + JUN)

*Adiaŭ turbotrajnoj*

La kanada fervojkompanio "Via Rail Canada" vendos siajn turbotrajnojn. Entute 25 vagonoj estas ofertitaj al la merkato, kaj el ili 18 estas funkcipovaj. Tio estas la resto de la kvin sepvagonaj trajnoj, kiujn liveris en 1968 al la kanadanoj "United Aircraft Corporation".

La trajnoj havas maksimuman rapidecon de 153 km/h kaj estas provizitaj per kurboregulado - deviga kliniĝo de la vagonkesto en kurbiĝoj. Dum la pasintaj 15 jaroj la funkciado de la gasturbo-trajnoj estis ĝenita de sennombraj mekanikaj difektoj.

o

## EL LA LANDAJ ASOCIOJ

*17a konferenco*
*de Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio 16.-18.9.1983*

La 17a konferenco de FSĈEA en la urbeto Chotebor (norde de Havliĉkuv Brod) estis vizitita de 33 personoj, inter ili eksterlandaj gekolegoj el Aŭstrio, Bulgario, FR Germanio kaj Germana Demokrata Respubliko, kies delegitoj salutis la konferencanojn. IFEF estis reprezentita de sia prezidanto. Skribaj salutoj venis el Francio kaj Hungario. Kun ĝojo oni povas noti, ke ankaŭ 3 slovakaj gekolegoj ĉeestis.

En la labora parto prezidanto Jaroslav Kaŝparec donis koncizan superrigardon pri la pasintjare farita laboro. El tiu raporto i.a. menciindas

- resuma retrorigardo pri la evoluado de FSĈEA kaj ties membraro,
- laŭdo por la kunlaboro sur terminara tereno flanke de propraj membroj, precipe k-go David,
- klarigoj pri la eblecoj viziti kongresojn en okcidentaj resp. socialismaj landoj, esprimo de espero, ke multnombra ĉeĥoslovaka delegacio povos partopreni en la 36a IFEF-kongreso,
- informoj pri la evoluo inter la slovakaj kolegoj,
- klopodoj kiel eble plej ofte aperigi en "Starto" - organo de ĈEA - informojn kaj artikolojn pri la fervojista movado.

La kunlaboranto por terminaraj aferoj, Jaroslav David, raportis pri sia agado.

En la diskuto oni tuŝis ankaŭ la ĉi-supre menciitajn punktojn. La IFEF-prezidanto okaze de sia salutparolado precipe memorigis la laŭdindan kunlaboron de FSĈEA en la Terminara Komisiono de IFEF kaj ĉi-rilate la elstaran laboron de inĝ. Jaromir Rebiĉek, Honora Membro de IFEF, kiu spite al ne tro bona sanstato venis al la konferencloko por revidi siajn malnovajn geamikojn.

La IFEF-prezidanto krome substrekis, ke necesas plenumi la punktojn fiksitajn en Aŭgusto 1981 resp. Marto 1982 inter ĈEA kaj IFEF, nome oficiala agnosko de IFEF en CSSR, akurata enpago de interkonsentitaj abonkotizoj en la bankon, serĉado de esperantistaj kolegoj en Slovakio, por povi fondi slovakan sekcion de fervojistoj. Krome oni konvinku iamajn membrojn pri la neceso retrovi la vojon al la movado kaj komune kun la nuna membraro kontribui al la progresigo de nia mondvasta porpaca ideo.

S-ino Elfriede Kruse (D) tre interese kaj instrue prelegis, montrante belegajn diapozitivojn pri la konata "Bona Espero" en Brazilo.

Neniu laboro sen agrablaj aldonaĵoj. Laŭ tiu devizo okazis du aŭtobuseks-kursoj kun sufiĉe streĉa programo. Helpe de 6 muzeoj, 1 monumento, 1 ostejo kaj 1 tombejo la konferencanoj ricevis bonegan impreson kaj superrigardon pri la kultura riĉeco de tiu regiono sur la limo inter Bohemio kaj Moravio ĉirkaŭ la urbo Havliĉkuv Brod. Ili estis informitaj pri la aspekto de iamaj kamparaj vilaĝoj, pri la laboro de ĉeĥaj komponistoj, pri la deveno de la specio "homo", pri la aŭtoro de la konata romano "La brava soldato Ŝvejk", pri evoluado de skribo kaj libropresado, pri la eblecoj iamaj kaj plej modernaj lukti kontraŭ fajro kaj incendioj. Emociigite ĉiuj kunveturantoj staris antaŭ la tombo de Herman Alferi (1871-1909) en Skala, unu el la unuaj esperantistoj. Kiel instruisto li estis pioniro de porpaca edukado de junaj homoj. Pri la forpaso de ĉio tera instruis iama kapelo, en kiu estis staplitaj miloj da

homaj ostoj kaj kranioj. Legeblis tie: "Kio estas vi, tio estis ni, kio estas ni, tio estos vi". Ĉu ne admono kaj instigo por ni, utiligi la tempon, kiun donas la sorto al ni? Ni utiligu ĝin nelaste por nia lingvo Esperanto.

Raportis: Giessner

*Trilanda fervojista renkontiĝo en Ĉeĥoslovakio*

Fervojista sekcio de ĈEA aranĝis en la tagoj 21.-23.1.1983 en Praha renkontiĝon de siaj membroj, al kiu oni invitis ankaŭ kolegojn el Hungario kaj GDR. Post vendreda alveno kaj enloĝigo sabate matene la partoprenantoj rigardis kelkajn historiajn konstruaĵojn kaj monumentojn en Praha. Post komuna tagmanĝo okazis en kunvenejo TJ Praga konferenco, kiun krom membroj de FS partoprenis ankaŭ ok gastoj-kolegoj el Hungario, sep el GDR kaj kelkaj gastoj el Praha.

El multaj interesaj programeroj meritas mencion:

Hungara kolego János Patay helpe de koloraj diapozitivoj proksimigis al ĉiuj partoprenantoj denove la atmosferon de la 34a IFEF-kongreso en Balatonfüred.

Kolego Achim Meinel (Aĥim Majnl) el GDR salutis la renkontiĝon nome de orientgermanaj kolegoj. Per diapozitivoj kaj vortoj li proksimigis al ni iamajn etŝpurajn fervojliniojn en GDR, precipe en Saksujo.

Hungara kolego d-ro Ferenc Phersy raportis poste pri la hungaraj etŝpuraj fervojoj kun ŝpurlarĝeco 760 mm. Poste lia hungara kolego Sulcz (Ŝulc) tre bone deklamis poemon "Fervojo" de Petöfi.

Post paŭzo la germana kolego Horst Theurich (Tojriĥ) gvidis nin ne nur per bildoj, sed ankaŭ per vortoj al Bulgario por interkonatiĝi kun etŝpura fervojo Septemvri - Dominiŝte (ŝpurlarĝeco 760 mm, 122 km longa), kiu helpe de 32 tuneloj kaj multaj pontoj trairas la tutan Rodopi montaron kaj kie troviĝas ankaŭ la plej alte situanta fervojstacio sur Balkana duoninsulo - Avramori Kolibi en alteco 1267 metrojn.

La posttagmezan programon finis kolego Sulcz el Hungario per emocia deklamo de la poemo "Ne plu militon!" de Julio Baghy.

Dimanĉe ni komune vizitis riĉajn kolektojn de Nacia Teknika Muzeo kun sub ĝi troviĝanta nigrakarba minejo. Post tagmanĝo ni adiaŭis la ĉeĥoslovakan ĉefurbon kaj unu la alian plenaj de neforgeseblaj travivaĵoj kaj rememoroj.

Jindřich Tomíŝek

# OFICIALAJ INFORMOJ DE LA AKADEMIO DE ESPERANTO

Nova Serio n° 1 Julio 1983

Sendependa lingvo-institucio de D-ro L.L. Zamenhof en 1905

D-ro A. ALBAULT, 55 - B, Arcs-St-Cyprien, F-31300 TOULOUSE, Francio

La Akademio elektis sian novan Estraron; ĝi konsistas el:

D-ro André ALBAULT, el Toulouse, Francio, Prezidanto;

Prof. D-ro Stojan ĜUĜEV, el Sofia, Bulgario, Vic-Prezidanto;

Prof. D-ro Paul NEERGAARD, el København, Vic-Prezidanto;

D-ro Werner BORMANN, el Hamburg, FR Germanio, Sekretario.

Nun baldaŭ la Akademio aranĝos la elekton de novaj Direktoroj por la diversaj Sekcioj, tiel ke ĝi povu plenumi la rolojn por kiuj Zamenhof kreis ĝin.

## NEKROLOGOJ

In memoriam Horace Barks

Kiel ni jam devis sciigi en Internacia Fervojisto 5/83, forpasis la 27-an de Julio 1983 la prezidinto de nia brita landa asocio, portanto de la Argenta Medalo de FISAIC, Horace Barks.

Li naskiĝis 1895 kaj pasigis, kiel li mem esprimis tion, feliĉajn jarojn en la erikejoj de Norda Staffordshire. En aĝo de 13 jaroj li komencis sian longan karieron kiel fervojisto. Dufoje li estis vundita en la unua mondmilito. En 1915 li edziĝis kaj poste havis du filojn.

Post tiu milito li fariĝis trajnestro en Stoke-on-Trent. Lia ĉefa apudprofesia laborterеno - kun forta subtenado de lia edzino - troviĝis en la komunuma politiko, pro kio oni nomumis lin "ĉefkonsilisto". En 1951 li eĉ estis Lord-urbestro en Stoke. Grandega laŭdo de la tiama ĉefkonsilisto: "Mi ne konas du personojn, kiuj tiom estas donintaj siajn vivojn al la homoj, kiujn ili reprezentas". Tiutempe li ankaŭ ricevis la britan ordenon "O.B.E.". Liaj faroj en la komunumo estis tro multaj por povi ĉiujn mencii. Loka biblioteko portas lian nomon. Kaj loka gazeto en Stoke skribis pri li: "... jen estas iu, kiu faris plej bonan, estas atinginta feliĉon sen konscie serĉi ĝin ... li ne kreas malamikojn, li ofte estas sprita, sed neniam malica".

Nia fervojista Esperanto-movado simple ne estas imagebla sen Barks. Kiu ne memoras liajn ĉarmajn alparoladojn en la IFEF-kongresoj, kiujn li dum pli ol 20 jaroj ĉeestis, reprezentante sian landon. Neforgesita la 15a kongreso en lia urbo, en kiu oni de la unua tago ĝis la lasta sentis lian manon kaj influon kun kulminaj aranĝoj kiel la inaŭguron de Esperanto-strato. Jarojn poste li sukcesis, en tiu strato vivigi la trinkejon "Verda Stelo".

Kaj neforgeseble, ke Horace Barks, estanta en sia 82a vivojaro, senhezite deklaris sin preta, organizi la 29an IFEF-kongreson en Swanwick. Tiel li malhelpis interrompon en la sinsekvo de la kongresoj, ĉar mankis invito.

Preskaŭ kvardek jarojn Barks okupis sin pri la Internacia Lingvo. Dum tiu tempo li fariĝis konata loke, nacie kaj translime. D-rino Marjorie Boulton dediĉis unu el siaj verkoj al li per la vortoj: "Multjare fidela amiko kaj senlace sindediĉa esperantisto". Li mem kredis, ke la ĉefa atingo en sia vivo estis, ke li povis alkonduki tiom da esperantistoj al la lingvo. En siaj lastaj jaroj li ankoraŭ okupiĝis pri instruado kaj tradukis la Esperanto-klasikaĵon "Vivo kaj Opinioj de Majstro M'Saud" al la angla.

Kun Horace Barks forlasis nin homo, kiun ni ne nur ne forgesos, sed kiu postlasas breĉon tiaspecan, kian certe neniu povas ŝtopi sammaniere. Tutcerte ni kaj liaj multaj amikoj sincere funebras pro lia morto. Sed ni ankaŭ - kiel skribas brita lia amiko - ĝoju pri la memoro je unu el la plej elstaraj kaj plej amataj homoj de Norda Staffordshire".

Du linioj el la zamenhofa traduko de "Hamlet" pli trafe ol ĉio alia karakterizas nian forpasintan amikon, kiu postvivos en nia memoro:

"Li estis homo en plej pura senco.
Al li similan ni neniam vidos."

Giessner
prezidanto de IFEF

Memorvortoj de ges-roj Gimelli:

## GENERACIA ŜANĜO INTER LA ESPERANTISTOJ

Nunjare ni atingos respektive 70- kaj 63-jaraĝon. Tio okazos venontan novembron; sammonate ni festos, kune kun la filo, la 32 jarojn de nia esperantistiĝo. Do, ni estas de antaŭa generacio kaj multaj novaj geesperantistoj ne konas nin.

Ni ofte pensas al nia alproksimiĝo al Esperanto, kiam ni konis la tiamajn instruistojn kaj propagandistojn: Inĝ. Otello Nanni, Kav. Giuseppe Zacconi, Pastro Modesto Carolfi, Adv. Attilio Vaona, Prof. Corrado Grazzi-

ni, Prof. Giorgio Canuto kaj aliajn. Ciuj estis italoj sed konataj tiutempe de la tuta monda esperantistaro. Ili forlasis nin, kaj la novaj samideanoj preskaŭ nenion scias pri ili kaj pri iliaj meritoj.

Laste forlasis niajn vicojn du agemaj kaj persistaj propagandistoj, de la antaŭa generacio de esperantistoj, nome: O.B.E. Horace BARKS, anglo, kaj KAV. Alfredo GAMBERINI, italo.

Horace BARKS forpasis en Stoke-on-Trent, la 27an de julio 1983a en la aĝo de 87 jaroj.

Ni memoras lin, kiam li estis la unuan fojon en esperantista medio. Tio okazis dum la jaro 1958a, okaze de la 10a IFEF-Kongreso en Aarhus. De tiam ĉiuj gesamideanoj konis lian spritecon kaj la verkojn de lia plumo, ĉar li ĉiam portretis la geamikojn per ĉarmaj karikaturoj.

Laboregema en la Esperanto Movado ĝenerale li aparte agis en la Fervojista Esperanto-Medio. Li estis la iniciatinto kaj la motoro (prezidanto de la LKK) en ambaŭ la IFEF-Kongresoj en Britio: Stoke-on-Trent (1963a) kaj Swanwick (1977a). Liaj meritoj estis multaj kaj multflankaj: Ankaŭ en Universalaj Kongresoj s-ano Barks estis tre konata. Ni memoras lian partoprenon en la UK en Tokio dum 1965a, kiun li atingis vojaĝante fervoje tra Siberio.

Memorinda por ni estas iu internacia vespera renkontiĝo inter dekoj da geamikoj en la kvartalo nomata "Montmartre" en Beogrado, okaze de UK de la jaro 1973a.

S-ano Barks iniciatis la titoligon de "Esperanto" kaj "Zamenhof" stratoj en Stoke-on-Trent kaj de trinkejo "Verda Stelo" en la sama urbo.

Pro siaj meritoj Barks ricevis la arĝentan medalon de FISAIC kaj aliajn distingaĵojn, inter kiuj: urbestro de Stoke-on-Trent kaj la fama ordeno O.B.E., kiun li klarigis al ni "Oni Bezonas Esperanton" (efektive ĝi estas alta Brita honorigo).

Kav. Alfredo GAMBERINI forpasis en Bologna, la 10an de aŭgusto 1983a en la aĝo de 92 jaroj.

Li estis tre agema samideano kiu, kun la edzino Giuseppina, kiu forpasis antaŭ kelkaj jaroj, dum pli ol 30 jaroj fariĝis la fulkro kaj la motoro de la esperantista vivo en Bologna. Kvankam ne fervojisto, li estis de longe ano de IFEF kaj partoprenis en multaj niaj kongresoj.

Ni memoras geedzojn Gamberini ekde nia komuna Esperanto-kurso ĉe la Profesia Fervojista Lernejo en la Centra Stacidomo de Bologna. Ni ofte vojaĝis kune al IFEF- kaj UEA-Kongresoj kaj al aliaj naciaj kaj internaciaj renkontiĝoj.

La agado de s-ano Gamberini estis ĉiam favora al nia Esperanto-Movado kaj lia sindonemo estis grandega. Post la morto de la edzino li starigis, ĉe la Bologna Esperanto-Grupo "Achille Tellini", fonduson je la nomo de la edzino mem, celante premiadon kaj helpon al junaj geesperantistoj.

Vere li estis kolono en la disvastigado kaj organizado de la movado en Bologna; eĉ li helpis en la laboro de la Direktoro de la IIE (Itala Instituto de Esperanto) kiam ĝi estas en Bologna.

Pro siaj meritoj Alfrede Gamberini estis ankaŭ nomumita Honora Prezidanto de la Bologna Esperanto Grupo "A. Tellini". Li estis ankaŭ nomumita "Kavaliro de Vittorio Veneto" pro sia bona konduto dum la unua mondmilito (1915-18).

Ni kondolencas pri la du amikoj kaj indikas ilin kaj ilian agadon al novaj generacioj de geesperantistoj.

Germano kaj Delvina Gimelli

## ARTHUR BOLLE

Kiel ni eksciis, mortis en Julio 1983 la plej aĝa ano de GEFA (90 jarojn) Arthur Bolle. Li lernis Esperanton jam en la jaro 1921 kaj estis ĉiam tre aktiva kaj fidela amiko.

IFEF

*Poul Thorsen*

## EL MIA GEOPOEZIO:
## AÚSTRALIO EN PERSPEKTIVO

Hejme en sekura seĝo
ofte mi cerbumis:
Kiel estos antipode paŝi
kun kapo malsupren,
kun piedoj muŝe metitaj
sur la plafono?

Ne sen embaraso
mi proksimiĝis
al la kurioza kontinento
Aústralio,
kie someras kristnaske,
kiel akvo male kirliĝas,
fluante almonte,
kie Suno migras norde,
kie Luno kaj ĉio alia
pendas inverse.

Ne sen ĝenemo
mi fine surtretis
tiun monderon
kun la multaj mitoj
sub suda hemisfero.

Tamen mi povis gratuli,
ke mi zorge prepariĝis,
ke trafa terapio
taúge kontraúpesis
al eventuala ŝoko
pro malintima mondbildo aústrala.

Hejme sur sekura planko
antaúvojaĝe,
longe mi praktikis
ruzan, privatan magion
por fronti ĉiujn fremdajn inversojn:

Fojon post fojo
mi klinis la kapon
inter la krurojn,
ripete rigardis
preter la postaĵon
(kun ĉirkaúo)
por zorge observi la fonon,
horizontaligi la horizonton,
rimarkigi ĉiujn rimarkindaĵojn.

Tiel en retrospektivo,
spegule inverse,
sendube devas aperi
Aústralio
por efiki normala!
Dank al pensa penado,
dank al simpla, hejma ekzerco,
anticipeblis, konstateblis,
ke ĉio konsterne normalas
ankaú sub nia Globo.

Tiel per modesta eksperimento
kuriozo fariĝis ordinaro,
strangeco - ĉiutagaĵo,
mirindo - rutino
kaj inverse.

Tiel mi firme konvinkiĝis,
ke mia speciala pozicio,
kap-inter-krura,
ideologie, dialektike
unike bazas modelon
por ĉie kaj ĉiam
sub ĉiuj hemisferoj
korekte percepti la plenan universon.

Sen la balasto de la gravito
nova mondbildo jam en orbito,
la kap-inter-krura,
nura kaj tute natura.



*Jiři Kořinek:*

# SUR KOMUNA ŜIPO

Kunvenas ni por laŭte diri,
ke l'tasko estas grava skurĝa,
ke povus tardi, temp' ke urĝas
malhelpi ke abismen ŝiri
povu la Teron stult' rankora.

Estas jam temp', ke ni konsciu
sur ŝip' komuna ke ni drivas
kaj kunekziste sur ĝi vivas,
saviĝus ĉe ŝipromp' neniu,
eraras, kiu ĝin ignoras.

Per saĝ', bonvolo kaj prudento
sin devos la popoloj armi
kaj konsciencojn ekalarmi
de orient' ĝis okcidento
por paclaboro plej fervora.

Sen diferenc' de ras' kaj kredo
nun homa frat' kun homa frato
protestas kontraŭ vetarmado,
kaj kontraŭ la nukle-obsedo
komuna vok' de ĉiuj ĥoras.

Nin ĉiujn celas la minaco:
la pereiga kvant' sufiĉas
por tiuj kiuj povras, riĉas,
progreso eblas nur en paco
kiam popoloj kunlaboras.

Por gardi pacon fortojn streĉu,
for frenezulojn de la gvido,
for preparantoj de la milito,
por la homaro klare leĝu:
PAC' estas sola voj' aŭrora!

(El STARTO, organo de
Ĉeĥa Esperanto-Asocio)




Mendu ĉe: Elfriede Kruse, Wiener Strasse 121, D-6000 Frankfurt/M 70. 15 germ. markojn inkl sendkostojn. Pagu al Sparda-Bank, 6000 Frankfurt/M poŝtĉekkonto Frankfurt/Main 56908, kun aldono "Favore al Elfriede Kruse, Konto 129 957".

## FERVOJA KORESPONDA SERVO

Ĉiu korespondemulo rajtas senpage enskribigi sin. Ĉiu persono, kiu deziras informojn aŭ ricevi adresojn, aldonu internacian respondkuponon (aŭ francajn poŝtmarkojn), por ĉiu dezirata korespondadreso, ĉar F.K.S. ricevas nenian subvencion. Tiuj, kiuj havas problemojn por akiri internacian respondkuponon, povas tamen aliĝi senpage al F.K.S.

Senhezite enskribigu vin ĉe: Fervoja Koresponda Servo (F.K.S.), J. Demissy, 18 avenue du Lieutenant Bourguignon, F-55600 Montmedy.

Indiku viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)ojn, kaj pri kiaj temoj ktp.

Ĉiu subskribint(in)o certigu respondi almenaŭ unu fojon!

ENHAVO



Redaktofino por la venonta IF, kiu aperos meze de januaro: 10.12.1983

Presejo: Gefion Tryk, Tømrervænget 7, DK-4700 Næstved